

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: en januaro, majo kaj septembro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (19) 3/2012
Speciala, eksterseria numero, 24an de majo 2012

---

*La Amsterdama Katedro* estas kvarmonata retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto.

Ĉi tiu numero estas eksterseria (la laŭvica numero (18) 2/2012 aperis pli frue en tiu ĉi monato) kaj estas dediĉita al la estonteco de la katedro. Ĝi reproduktas la tekston de cirkulero, kiun mi dissendis hodiaŭ al malgranda grupo da personoj por signi la komencon de la inform-kampanjo pri la daŭrigo de la Amsterdama katedro dum la periodo 2013-2018.

## UNUA CIRKULERO
pri la daŭrigo de la Amsterdama Katedro, 2013-2018

### Enkonduke

*Mi adresas tiun ĉi Unuan Cirkuleron al ĉiuj tiuj personoj, kun kiuj mi iam havis interŝanĝon de opinioj pri la estonteco de la Amsterdama Katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto aŭ kies nomoj iel eniris en la mallongan adresaron de tiu ĉi retmesaĝo. Temas pri personoj, kiuj* povus *ludi iun rolon en la katedro post mia eksiĝo, ĉu kiel ĝia sola okupanto-instruisto-esploristo, ĉu kiel katedrulo aŭ asistanto en eta teamo kun iu bone elpensita dispartigo de la taskoj ─ depende de tio, kompreneble, ĉu oni ne nur povus laŭ* mia*, sed ĉefe laŭ* sia *perspektivo, kaj ĉu, krom* povi *oni ankaŭ* volus.

*Tiun ĉi Unuan Cirkuleron sekvos pliaj, se tion interesas la ricevantoj. Povas esti, ke iuj el vi nek povas, nek volas, nek eĉ interesiĝas pri plua ricevado de ĉi tiaj informiloj. Tiuokaze, bonvolu tuj informi min pri via starpunkto kaj mi forigos vin el la adresaro. Aliflanke povas esti, ke mankas al mia listo persono, pri kiu vi scias, ke ĝuste li/ŝi devus esti sur la listo. Bonvolu havigi al mi la retadreson de tia persono kaj mi rekte kontaktos lin/ŝin.*

*Post la publikigo de la oficiala universitata varbanonco por reokupo de la katedro mi sendos al ĉiuj en la adresaro la koncernan ligon al la universitata retejo kaj kopion de la gazetara anonco. Ĝis la limdato de reago al tiu anonco, ĉiu interesito povas starigi al mi kiun ajn demandon, kiun li/ŝi povus havi pri ĉiuj aspektoj de la katedro. Viaj demandoj estos respondataj cirkulere, anonime kaj samtempe al ĉiuj membroj de la adresaro. Kiel eksiĝanta*

*katedrulo mi volonte pludonos mian sperton al ĉiuj, kiuj volus pluporti la torĉon, sed mi traktas/traktos tiun ĉi kaj eventuale sekvontajn cirkulerojn absolute konfidence, inter mi kaj la adresitoj kolektive, kaj restos rigore senpartia en la afero.*

**La aferstato hodiaŭ**
En septembro 2013 finiĝos mia oficperiodo kiel katedrulo pri interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Se ne aperos lastmomentaj malhelpoj, iam en la venontaj kelkaj monatoj UvA diskonigos publikan varbanoncon, per kiu ĝi serĉos kandidatojn, el kiuj elekti la novan katedrulon por la periodo 2013-2018. La Amsterdama katedro estas tiel nomata 'speciala' katedro, samranga kiel ĉiuj 'normalaj' katedroj de la universitato, sed financata el eksteruniversitata fonto. Ĝin okupas 'speciala' profesoro, kiu devas respondi al la samaj kvalifikopostuloj kiel 'normala' profesoro. Dum la venonta oficperiodo, *Universala Esperanto-Asocio*, UEA, rolos kiel responsa partnero de la universitato kaj financa garantianto de la katedro. En la lastnomita rolo ĝi estos subtenata de la landa asocio de UEA, *Esperanto Nederland*, kiu de multaj jaroj kunfinancas la katedron.

La varbokampanjo de la universitato estos publika kaj absolute senpartia, sed estas klare, ke, kvankam ĉiu serioza kaj profesie akceptebla kandidatiĝo estos bonvena, oni antaŭvidas proponojn de kandidatoj antaŭ ĉio el la Esperanto-movado. Aliflanke, tiuj 'niaj' kandidatoj, malkiel surlokaj aŭ universitatmediaj kandidatoj ekstermovadaj, ne kutimas sekvi la nederlandan gazetaron aŭ regule trafoliumi la retejon de UvA, en kiu aperas ĝiaj varbanoncoj. Jen la kialo de tiu ĉi unua cirkulero.

La proceduro, sekvota por enpostenigi novan katedrulon estas la jena (kutima, tradicia, neniel aparta por nia katedro). Kandidatoj konatigos sin skribe ĉe la universitato laŭ la instrukcioj de la varbanonco. Post tio, la tripersona kuratoraro, kiu 'regas' la katedron, invitos la principe akcepteblajn kandidatojn al sinprezento kaj interparolo, kaj sekve proponos el ili la plej taŭgan al la dekano de la fakultato, antaŭvidata por la kandidato. Du el la tri kuratoroj estos profesoroj de UvA, la tria estos reprezentanto de la sponsora organizo, niakaze UEA. Post kiam administra ĉeno en la universitato, kun la subteno de parencaj fakultatoj en aliaj universitatoj nederlandaj, estos aprobinta la proponon, la universitato liberigos la vojon al UEA, efektivigi sian nomumorajton. Sekve, UEA konfirmos la profesorigon de la kandidato.

Speciala profesoro havas ĉiujn rajtojn de normala profesoro, sed ne laboras kiel dungito de la universitato kaj ne estas salajrata de ĝi. En nia kazo, li/ŝi plenumos siajn taskojn verŝajne sub iu kunlaborkontrakto kun UEA, subordita al la Regularo pri Specialaj Katedroj de UvA, kaj UEA kompensos lian/ŝian laboron per ĉiumonata honorario.

Kandidatoj por la posteno devas plenumi ekzakte la samajn profesiajn postulojn, kiuj validas por nomumoj de normalaj profesoroj. Specife, ili devas posedi rekonitan aŭ rekoneblan doktoran titolon (Ph.D. laŭ la origine uson-angla terminologio, transprenita en la Bolonja procezo de Eŭropa Unio). La katedrulo aliĝos al la asignita fakultato, devige membriĝos en sia faka esplorcentro (ĝis nun: *Amsterdam Center for Language and Communication*, ACLC) kaj devos efektivigi instru- kaj esplorprogramon kongruan kun sia parttempa, pli malpli 30-procenta, enoficigo. Ĉe la fino de ĉiu akademia jaro, la katedrulo liveros jarraporton pri siaj agadoj al la dekano kaj la kuratoraro (en la nederlanda aŭ angla lingvo). De la komenco de sia enoficiĝo, li/ŝi liveros kvarmonatan raporton en Esperanto al UEA. Ĉiu raportado povos efektiviĝi retpoŝte. Ne necesas, ke la katedrulo estu nederlandano aŭ ke li/ŝi estu kapabla instrui per la nederlanda lingvo. Ankaŭ ne necesas loĝi en Amsterdamo aŭ apude, sed,

depende de la programo, kiun li/ŝi antaŭvidas, bona atingeblo de Amsterdamo estus dezirinda. UEA ne repagas vojaĝelspezojn aldone al la honorario.

Dum mia oficperiodo plenumiĝis ĉiujara instruprogramo kun kurso pri interlingvistiko dum la unua semestro kaj Esperanto-kurso dum la dua. Kune kun la esplortaskoj, tiu agado devis sumiĝi je minimume 600 netaj laborhoroj dum jaro, kio reprezentis mezan ŝarĝon de tago kaj duono ĉiusemajne. La leona parto de la honorario, egala al la garantisumo ĝis nun postulata de UvA, konsumiĝis en laborhoroj kaj nur malgranda parto en la ĉiusemajnaj vojaĝokostoj inter UvA kaj mia loĝloko. Kelketaj agadoj, kiel konferenco aŭ studvizito, estis kromfinancitaj el diversaj fontoj. La ĝisnuna disponebla mono ne permesis grandskalajn ekstermurajn agadojn.

Intertempe la universitato ŝanĝis siajn regulojn por ĉiuj novaj kaj reokupotaj specialaj katedroj kaj postulas la duoblon de la ĝisnuna financa garantio. Tio ebligas al ĉiu kandidato komplete repripensi la plenumon de sia tasko, kun eventuale tute alitipa instruprogramo (la nederlanda ne estas la deviga instrulingvo; la angla certe estos akceptebla) kaj esplorprogramo kun multe pli intensa enplekto de movadaj reprezentantoj, institucioj aŭ eventoj en la efektivigo de serioza, scienca kamplaboro. En tia kompleta rekonsidero de la potencialo de la katedro, la nova katedrulo ankaŭ povus pripensi la engaĝon de (ne nepre doktora) asistanto, kiu okupiĝu pri certaj aspektoj de la praktika ellaborado de la taskaro, por tiel diri, sub la standardo de la katedrulo. Estus bone, se kandidato difinus, eventuale kune kun sia antaŭvidata asistanto, bone funditan kvinjaran planon de instruado kaj esplorado, kongruan kun la konturaj kondiĉoj, kiujn mi provis skizi ĉi-supre.

WJansen

Wim Jansen, la 24an de majo 2012